AE161

# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

PLENUMITA 18/04/2014 Cent sesdekunua eldono 19/04/2014 SENDITA (unua eldono 26/09/2011)

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;



Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else



SENDATA AL 275 La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisdatigatan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la verdajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Esperantajn ligojn

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Anglajn ligojn

## Estontaj kompetentaj Esperantistoj aŭskultas la retradion ĉiun tagon http://members.aon.at/aldone/peranto/index.html

Kvindekjara ĉarma knabineto Ktp ktp --ĝis



Pro okulmalsano, li sentas sin nuntempe malpli optimisma ol kiam li estis 30-jara kaj komencis produkti siajn historietojn. En la jardeko post 1950, li alvenis el la urbo Mendoza, kie li naskiĝis, al Bonaero, kun sia desegnujo sub la brako. Li intencis verki por kritiki multajn aferojn en la socio. Oni tamen informis al li, ke estas cenzure malpermesataj diversaj temoj. Li adaptiĝis al la starigitaj limoj. Tio ne malhelpis, ke Mafalda kaj ŝiaj gekunuloj Manolito, Felipe, Susanita kaj Miguelito per sagaca, bonhumora kaj akra kritikemo montru multajn sensencaĵojn en la mondo. La sekreto de la artisto – li konfesas – estas, ke li enkondukis en la historietojn multon el sia propra vivo. Tio faras, ke ĝis hodiaŭ la ideoj de Mafalda estas aktualaj kaj amuzaj. Liajn temojn li elĉerpis el ĵurnalaj raportoj, el ĉiutagaj scenoj en lia hejmo mem. Li ne alkroĉiĝis al la obsedo pri kontesta literaturo. Lia plej granda merito estas la sincereco kaj Mafalda fariĝis monumento al sincereco.



Mafalda estas 6-jara, malamas supojn kaj portas ĉiam papiliforman rubandon sur la kapo. Kaj precipe ŝi konstante kontestas la mondon de plenkreskuloj, plenan je hipokrito kaj malkohereco. Tion ŝi faras tamen per infane pura koro, tiel ke ĝi foje sonas tute poezieca. La delikateco de Mafalda arte kontrastas kun ŝia kritikemo.

Estus bela omaĝo al Quino (kaj riĉigo al nia literaturo), se oni eldonus en Esperanto antologion de bildstrioj pri la ĉarma kvindekjara knabineto.



Mi ne apartenas al 'socia medio' do sendu al AE kopion de taŭga informo, kiun vi metas en vian Socian medion kaj mi informos la legantojn de AE Roger Springer

# 21. (la gramatiko de E.) La Voĉoj. Ĉ



Pasintan semajnon ni konstatis, ke oni povas rigardi transitivan agon en tri direktoj, kun la rezulto, ke en la Aktivo oni unue vidas la viron kaj post tio la batadon kaj la hundon, ke en la Pasivo oni renverse vidas unue la hundon kaj nur post tio la batadon kaj la viron, kaj ke en la Medialo oni ne vidas la tutan okazaĵon, sed nur la hundon kaj la batadon, kaj ke tiu batado okazas kvazaŭ iu aŭ io faras ĝin, sed oni ne scias aŭ ne diras kio aŭ kiu.

Ni menciis ankaŭ, ke en la Aktivo, kie la viro estas la Subjekto, la Verbo ne ricevas Sufikson, do estas "batas", kaj la hundo venas laste kiel la Objekto, kiu ricevas la finaĵon "-n". En la Medialo, kie la hundo estas la Subjekto, kaj kie la origina aganto, la viro, ne estas menciata, la ago ricevas la Sufikson "-iĝ-", do "batiĝas", ekz"La hundo batiĝas per (pro) doloro en la kruro".

La tria, la Pasivo, montras la tutan okazaĵon, sed el de la hundo al la viro. Tiu ago ne estas "bati", ĉar la hundo ne batas, nek "batiĝi", ĉar oni bone vidas, el de kie venas la batado. Tiu ago nomiĝas, aŭ nomiĝu, "batatas", do kun la Sufikso "-at-". "La hundo batatas" do signifas, ke ni unue rigardas la hundon kaj poste la agon "bati" kaj fine la viron. Ĉar en la lasta, tria, kazo oni koncentriĝas sur la hundon, kaj nur mencias la viron se ni volas, tiu viro ne plu estas la Subjekto (de "batas" aŭ de "batatas") en la frazo, la hundo fariĝis la nova Subjekto de "batatas" kaj, se menciita, la viro ricevas antaŭ si la Prepozicion "de", kiu indikas kiu en la Aktiva Voĉo estis la aganto, do la Subjekto. Do jen tri esprimoj por la sama okazaĵo, sed rigardata de tri malsamaj aspektoj: La viro BATAS la hundoN, la hundo BATIĜAS (de kiu?), kaj la hundo BATATAS de la viro.

(daŭrigota) * * * Marcel Leereveld.

# Pasintaj numeroj de 'Aŭstraliaj Esperantistoj'

Sur la **retpaĝo de AEA** http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

SENDU NOVAĴON, FOTOJN DE VIA KLUBO AL LA MONDO

# Centra-Marborda Esperanto-Klubo

Bamboo Buddha Café 221 Wattle Tree Road, Holgate NSW 2250

Dimanĉon, la 13an de aprilo, sep esperantistoj kunvenis ĉe la kafejo "Sanctuary" en Erina Heights (Bamboo Buddha, nia normala kunvenejo, fermiĝis frue pro la pluvo). Krom la kutimaj partoprenantoj estis Henriette kaj Dmitri (kun sia filino kaj ŝia amiko), kiuj veturis el Sidnejo. Post kiam Gerry, Jonathan kaj Jo parolis mallonge pri tio, kio okazis al ili inter la pasinta kunveno kaj la nuna, kaj Dmitri parolis pri la ĵus-lanĉita Esperanto-TV, Amy gvidis kelkajn lingvajn ludojn.

En la foto (de maldekstre): Henriette Vanechop, Julie Regal, Gerry Phelan, Dmitri Lushkinov, Joanne Cho, Amy Friedman. (Fotis: Jonathan Cooper)

Raportis Jonathan Cooper



# Komentoj pri AE160



Mi trovis kvar aferojn por pripensi, unue nun neniu scias, kiam la monata kunveno okazos, ĉu la 20an de Aprilo aŭ ĉu la 27an. Ĉar vi metis mian demandon pri la 20a en Telopeo, diversaj homoj respondis ke ili povos veni kaj aliaj ne povos veni. Vi nun devas decidi kiam la kunveno okazos

kaj informi ĉiujn pri tiu decido ! Kiel alie ili scias kiam veni ?
Due, sur paĝo 6 unua linio : la listo enhavas.
Trie, La specialaj Esperanto literoj estas ĉiuj en la ''Latin 3 Symbols'' supre dekstre sub ''Insert''.
Oni alklakas ''Insert'' kaj dekstre aperas ''Symbols''.
Oni povas instali la Esperanto literojn sur la klavaro.
Kvare, sur paĝo 3 oni parolas pri ''kuba Esperantisto''. Mi neniam vidis ''kuban'' homon kun ses surfacoj kaj la bildo montris normalan homon. Nur tiam mi konstatis, ke oni parolis pri viro de la insulo ''Cuba''. Nek UEA, nek SAT rimarkis la netaŭgecon de la tro simpla traduko al ''Kubo''. Nuntempe estas diversaj geesperantistoj kiuj deziras reenkonduti ''ujo'' por landnomoj. Tamen, por Kubo tio eĉ pli maltaŭgas. Kubujo simple estas kubforma ujo kiu neniel rilatas al la insulo. Ŝajnas al mi ke ĉi tie plej bone taŭgas ''Kubio, kubiano'' ktp. La estonteco montros, ĉu mi pravas.
Saluton, Volo



Esperanto-Doma Kunveno
**Dimanĉe 20a Aprilo**, Aferkunveno 11atm
Amuzkunveno 12tm Venu

# Esperanto kondukis min al la centro de Aŭstralio



Helen kaj Franciska en Alkala

Mi estas ĵus reveninta de restado en la centro de Aŭstralio. Mi flugis de Melburno al Alice Springs kaj enbusiĝis en la tiel nomata « Bush bee bus » por atingi Anangu Pitjantjatajra Yankunytjatjara regionon – tro malfacila por averaĝa aŭstraliano, kiu simple diras APY lando. Jam en la buso mi plonĝis en la lokan etoson. Blankuloj ne rajtas eniri tiun parton de Aŭstralio sen permesilo kaj tiu permesilo estas rifuzita al turistoj. Do nur aborigenoj kunvojaĝis kun mi :krom unu viro , virinoj kun infanoj kaj multe da pakaĵoj, kiuj malfaciligis eniron kaj eliron en kaj el la buso. Memoru : ne estas multe da butikoj en la dezerto !! Ili parolis sian lingvon , tute fremda al mi tiam.
Mia celo estis renkonti Helen Palmer, kiu laboras tie.
Estis amuze dum la laboro. La du medigardistoj , kiuj helpas ŝin, parolis en sia denaska lingvo pitjantjatjara , dum Helen kaj mi parolis Esperanton. Kaj la kvar kune parolis angle.
Mi ne suferis de la varmego ĉar ĝi ne longe daŭris. Plej ofte pluvis. Pro tio mi vidis ion neordinaran : akvon en la rivero Todd en Alice Springs. La antaŭan fojon kiam tio okazis estis en 1996 , antaŭ 16 jaroj. La akvo alvenas ege rapide. Kiam ni transiris ponton je kvarono antaŭ la sepa estis nur kelkaj lagetoj tie kaj tie sur la sablo , sed kiam ni revenis je la oka kaj duono , la tuta larĝo , 65 metroj , estis kovrita de rapide fluanta akvo. Tamen la sekvan matenon ĝi jam estis malaperanta .
Sed mi ne diris al vi kial Helen estas en tiu regiono kaj kion ŝi faras. Por scii tion bonvolu aŭskulti la intervjuon disaŭdigitan lundon la 14an de aprilo aŭ en la retejo de la radio www.3zzz.com.au aŭ en la arkivejo www.melburno.org.au

Agrablan aŭskultadon
Franciska Toubale





La rivero Todd en la nokto kaj en la mateno

xxxxxxxxxsXxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

# Voĉdonu

## Esperanto, oficiala lingvo de Eŭropa Unio, nun !

Ni, civitanoj de Eŭropo kaj de la mondo, ni vokas vin fari el Esperanto la 25an lingvon de Eŭropa Unio, por Eŭropo pli demokrata kaj pli justa rilate al ĉiu lingvo kaj kulturo de la kontinento. Elekti Esperanton estas plia paŝo en la eŭropa konstruado. Mankas debato je la eŭropa nivelo,
Eŭropo ne devas esti nur ekonomia, ĝi devas esti ankaŭ Eŭropo de la popoloj.

Klaku, legu, subskribu https://secure.avaaz.org/en/petition/Esperanto_langue_officielle_de_lUE/?tJbwlab







## ADELAJDA LINGVA FESTIVALO

### Universitato de Adelajdo

Vendredo kaj Sabato 16-17 Majo 2014.
Esperanto havas 25 minutan programon. Sed 5 malsamaj lingvoj okazos samtempe kaj oni devas elekti unu lingvon. Do ni devas propagandi per 'la Ŝloŝilo.

Esperanto povos allogi ĉeestantojn per la libera fordono de 'The Key'
Tiuj ĉeestantoj interesiĝas pri lingvoj

La Sydney Morning Herald klarigis, ke aŭstralianoj pagis $ 18,6 miliardojn en kotizoj al ŝparkontoj por emeritoj (Superfunds) dum la lasta financa jaro. Estis $ 1075 por ĉiu plenkreskulo en la lando, inkluzive tiujn, kiuj eĉ ne uzas ŝparkontojn por emeritoj.

Ho Ve! Roger Springer

# AEA Informos

Aŭstralia Esperanto Asocio 2014-04-17 - AEA raportas:
ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001 Vidu AE162

## Vortoj de "Lernu"

OBEI
Konformiĝi je tio, kion alia persono ordonas aŭ malpermesas:
Ŝi estas bona filino kaj obeas siajn gepatrojn.
Li estas obeata de la popolo, ĉar li estas reĝo.
Jam de mia infaneco mi lernis obe(ad)on al la gepatroj.
Mi ne estas obeema, pro tio mi povas nur obeigi.
La hundeto rigardis al mi kun obeemo.
Eĉ ne intencu malobei, malgranda aĉulo!
Vi mem kulpas, ke viaj infanoj estas neobeemaj.
Ŝiaj postuloj estis neobeeblaj.

PAŜTI
1. Konduki brutojn sur kampo, por ke ili manĝu herbon:
Kie li paŝtas la bovinojn?
Tiuj ŝafoj estas lia paŝtataro. Sur tiuj kampoj paŝtiĝas (=paŝtas sin) grandaj brutaroj.
Li volas fariĝi ŝaf-paŝtisto.
Tiu paŝtejo jam ne plu taŭgas por paŝti tie bestojn.
2. Prizorgi kaj gvidi:
Li paŝtas la popolon jam multajn jarojn.
Ĝoju, paŝtanto kaj paŝtatoj!
Necesas mortigi la paŝtiston kaj la ŝafoj diskuros mem.




